Jaro 4a. Julio 1921. Numero 4a.



Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA.

# VEGETARANO

Du-aŭtrimonata bulteno. Membra kotizo aŭ abono jare fl. 2.— (du nederlandaj guldenoj).

Adreso: Oscar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel (Germanujo), Alsterkrugchaussee 586 (redaktanto-kasisto).

Naciaj sekretarioj kaj kotizoj en nacia mono:

Aŭstrujo (K 30.—): S-no Hanna Melzer, Thunhofgasse 9, Wien XII/2.
Belgujo (F 8.—): kiel Francujo.
Bulgarujo (L. 20.—): S-ro Janko Todorov, Boteŭ 13, Sofia.
Ĉeĥoslovakujo (Kĉ 18.—): D-ro Rudolf Hiekel, Mareschgasse 4, II., Leitmeritz, kaj Josef Wisinger, Praha I, Konviktská 16, II.
Danujo (kr. 3.50): F-no Marg. Noll, Fredericiagade 6, II., København-K.
Estonujo (Emk. 50.—): F-no Helmi Dresen, p. k. 6, Tallinn.
Francujo (F 8.—): F-no Cécile Royer, 14 rue des Carmes, Paris V.
Germanujo (M 15.—): la redaktanto, Poŝtĉeka konto Hamburg 31883.
Grand-Britujo (ŝ. 4.—): S-no Marg. Blaise, 125 Hambalt Road, Clapham, London S. W. 4.
Hispanujo (P 5.—): S-ro Paul Linarès, Huerto San Basilio, Córdoba.
Hungarujo (K 30.—): S-ro Bihari Mór, Népszinház-utca 27, IV/31, Budapest VIII.
Nederlando (fl. 2.—): S-ro J. W. Sevenhuijsen, 123 Leidschevaartweg, Haarlem, prezidanto de la Ligo.
Polujo (Pmk. 60.—): Edvardo Lonkopolanski, Biala 3, Warszawa (provizore).
Svedujo (kr. 3.20): S-ro K. A. Karlstén, Hålberg pr. Glommersträsk.
Usono (Dol. 0.75): S-ro Creston C. Coigne, Near East Film Corp., 500, 5th. Ave., New York City.

El landoj necititaj oni pagu laŭ nederlanda valuto fl. 2.— en nacia papermono al la kasisto. Italoj sendu 10 Lirojn en papermono; el la necititaj novaj orientaj ŝtatoj kun malbona valuto oni sendu ℳ 15.— en germanaj bankbiletoj haveblaj ĉe iu ajn banko.

## „HOMA NATURO".

Interparolante dum veturo tra fremda lando kun kunvojaĝantoj, mi vidis multajn soldatojn. Jen, diris unu el la samvagonanoj, tiu malgranda lando atingis sian memstarecon kaj siajn dezirojn, kaj tamen ĝi kreskigas sian militarismon, kvazaŭ ĝi ankoraŭ devus alminiliti al si pliajon. „Ho jes", klarigis alia, „tio estas homa naturo; ju pli oni posedas, des pli oni deziras posedi".

Ĉu vere la „homa naturo" estas tia, ke per ĝi oni devas apologie kovri ĉion, kio ne korespondas al nia konscio pri justeco kaj socia ekvilibro? Ĉiu profitegisto senkulpigas sian avidecon per aludo al homa naturo; per la sama vorto senkulpigas la pirato sian rabadon, la drinkulo sian ebriecon, la diboĉulo siajn malĉastaĵojn. Aŭ ĉu eble la homoj, kiuj uzas tiun esprimon kiel justigon, ne konas alian econ de homa naturo?

Laŭ tiu vulgara klarigo, ke ĉiu malbono havas sian devenon en la „homa naturo", oni preskaŭ povus kredi, ke la homa naturo estas monstreca kaj ke ĉiuj provoj de bonvoluloj, ĉar ili kontrastas kontraŭ la tiel nomata homa naturo, restados vanaj. Tamen, ĉu la ĝermo de bona volo, kiun sentas ĉiu en si, ĉu tiu konscienca admono, kiu instigas nin serĉi senkulpigon por nejustaj agoj, ne estas same parto de la homa naturo?

Ni, samcelanoj, neniam akceptu la ofendon al la homa naturo per vulgaraj kutimdiroj; sed ni insistu ĉiam kaj ĉie pri tiu eco de la homa naturo, kiu igas nin kompati la kompatinduloјn, helpi la senhelpulojn, kunlabori kun la bonvoluloj, estimi kaj ami unu la alian. Kun mieno de supera scio kaj profunda vivsperto la mezuloj diras al ni: „Ho jes, via celado ja estas bela; sed vi laboras por utopio, ĉar vi ne konas la homan naturon". Kia eraro! Ni konas la homan naturon; ni scias, ke ĝi enhavas instinktojn malbonajn (niaj antaŭuloj donis al ili la nomon diablo) kaj instinktojn de admona konscienco aŭ delikata sento. Sed estas senutile, ĉiam ripeti la ekziston de malbonaj instinktoj. Ilian pezon ĉiu el ni sentas ĉiupaŝe dum la tuta vivo. Utile, kontraŭe, estas aŭskulti la voĉon de interna sento kaj konscienco. Tiu atentado kondukos nin antaŭen kaj preparos por nia posteularo la vojon por plua progreso.

Kiu el la milionoj da homoj, kiuj ĉiutage manĝas viandon, estus kapabla, mortigi propramane la beston, kies viandon li manĝas, aŭ nur rigardi, flari kaj aŭskulti la buĉadon? Ĉu la sento, kiu en tiu okazo regas nin, ne estas pli atentinda ol la kutimo, lasi al aliaj la laboron, por kiu ni juĝas niajn manojn tro puraj, nian senton tro delikata? Tiu sento fakte estas io reala, kvankam la mezuloj emas nomi ĝin sentimentalismo. Ni scias, ke la ĝisnuna progreso de la homoj kaj la diferenciĝo inter homoj kaj bestoj ne bazas sur la ecoj de „homa naturo" laŭ la vulgara senco de la mezuloj, sed sur tiuj ecoj de la „homa naturo" kiuj trovas sian esprimon en ĉiam novaj utopioj. Kaj jen la kampo de nia batalo: ni zorgu, ke ne superregu nin la malestimantoj de ĉiaj etikaj postuloj. Ni firme sekvu la „homan naturon" laŭ nia sento kaj konscienco.

## La floroj.

La floroj, diaj, grandaj, mirindaj pensoj vi estas! Ĉarme estas, vivi kun vi vian vivon kaj lerni de vi! Dolĉe estas serĉi kaj trovi vian animon kaj resti via amiko.

Vi mutvaloras pli multe ol antaŭe mi opiniis. Tiam mi ne ankoraŭ komprenis serĉi vian internan sekretaĵon. Ankaŭ tiam mi amis vin, admiris vin; sed vi ne signifis antaŭe al mi tion, kion nun, nome: vivan animon, formiĝintan ideon!

Nun mi povas intervivi kun vi sammaniere kiel kun homoj, eĉ pli proksime. Mi povas kompreni vin, kaj vi povas kompreni min. Mi scias, kion vi volas diri al mi. Mi aŭdas vian konsolon por mi. Mi sentas interne, kion vi donas al mi, kaj mi vidas vian veran karakteron. Mi volas genufleksi ĉe vi, enprofundiĝi en preĝon kune kun vi. Mi volas mallevi mian kapon kaj koron kaj mian manon al vi, por ricevi per vi forton, benon, pacon kaj amon.

Karaj floroj! La diaj grandaj mirindaj pensoj. Mi volas kanti dankon por vi, laŭdi al la tuta mondo, al ĉiuj homoj ĝis la tago, kiam la tuta homaro en muta ekstaziĝo genufleksos ĉe vi por unuiĝi kun diaj pensoj. Kiam okazos tio? Ĉu baldaŭ? Ĉu jam ektagiĝos mateno de la tago?

El finlingva gazeto „Idän Tähti" (La stelo de l'oriento) tradukis Elsa Vento.

## Norrland (Provinco de Svedujo).

Tiu ĉi vasta, riĉnatura kaj antaŭ ĉio pro siaj belaj kaj belaj somernoktoj fama lando havas la apudnomon: „la plej bela perlo en la krono de la sveda

regno". Svedujo ampleksas 448 277 km², etendiĝante de 55° 21' 10" ĝis 67° 3' 21" nordpolusa alto, kun longeco de sudo al nordo da proks. 1600 km. Ĝi konsistas el tri ĉefteritorioj: Svealand, Götaland kaj Norrland, kiuj tiel estis apartigataj pro malsilimaj tribunaloj, ne pro iaj naturaj landlimoj. De tiuj tri ĉefteritorioj Norrland estas la plej vasta, etendiĝante de 60° ĝis 69° 3' 21" norda alto kun amplekso de 261 270 km². Pro tio kompreneble ekzistas granda klimata diferenco inter plej suda kaj plej norda partoj. En la plej norda parto la ĉiujara vegetaĵa periodo estas tre mallonga, kvankam eble plej intensa; ĉar la suno dum kelkaj semajnoj de la vegetaĵa periodo staras super la horizonto tage kaj nokte, tiel koncentrante sian efikon dum tiu mallonga periodo. La sudorienta parto de Norrland ĉe la bordo de la Balta Golfo estas tre ebena kaj tre terkulterebla kun milda mara klimato; sed ju pli oni iras okcidenten, des pli monta estas la pejzaĝo kaj des pli kontinenta la klimato, ĝis kiam fine ĉe la limo inter Svedujo kaj Norvegujo la tero estas preskaŭ netaŭga por iu ajn kulturo. Tie estas la granda montĉeno Kölen („La Kilo"), kiu disigas la du fratlandojn. Preskaŭ netranspaseble staras, de nordo al sudo, pinto post pinto, kaj multaj el ili atingas 2000 metrojn super mara nivelo kaj portas kronon de eterna neĝo.

Tie, proksime je la ĉielo, en malvarma diafana aero, naskiĝas la fontoj de multaj grandegaj riveroj, kies unuaj gutoj preskaŭ lotlude disiĝas: aŭ al la okcidenta maro aŭ al la orienta, iom post iom kreskegante farante salton post salto, por fine droni en la salaj ondoj de l'maro.

La Norrland'a loĝantaro konsistas precipe el tri elementoj: Finoj, Svedoj kaj Sameoj. Finoj kaj Svedoj estas tre terkulturemaj popoloj; sed la Sameoj estas ankoraŭ preskaŭ entute nomadaj: ĉasistoj aŭ fiŝkaptistoj. Svede ili estas nomataj „Lappar" (Laponoj); sed ili mem sin nomas „Same", kaj tiel ili deziras esti nomataj. Ili estas orienta popolo, laŭ siaj propraj fabloj devenante el mongola raso el Uralregiono en Azio, kie ankaŭ iliaj antaŭuloj estis ĉasistoj kaj fiŝkaptistoj kun praaĝa orienta kulturo kaj religio. La enmigro en Norrland'on certe okazis multajn jarcentojn antaŭ nia tempkalkulo tra la okcidenta Siberujo kaj la plej norda parto de Eŭropo.

Ankaŭ la sveda popolo enmigris al Norrland, preskaŭ dum sama tempo, eble kelkajn jarcentojn pli frue. Ili venis de pli sudaj lokoj, iom post iom sekvante la bordon de la Balta Golfo pro ties favora fundo por teruzo.

La Finoj venis al Norrland pli malfrue, en XVIa jarcento, kaŭze de tiutempaj malfavoraj cirkonstancoj en ilia patrolando. Ili ĉiam distingis sin kiel diligentaj terkulturantoj.

Estas konate, ke la skandinava teritorio kuŝis 260 metrojn sub la mara nivelo post la glaciejara epoko, kaj oni trovis restaĵojn de haven- kaj boatlokoj, kiujn uzis la praaĝaj homoj, por surmariĝi kaj albordiĝi. Tiaj restaĵoj de la praaĝaj remintoj estas nun levitaj 70 metrojn super mara nivelo. Ni ankaŭ scias, ke Skandinavujo konstante levas sin 1,3 metrojn po jarcento. Do, ni povas kalkuli, ke Norrland tamen estis loĝata de homoj antaŭ pli ol 5000 jaroj pli frue.

La unuaj historiaj skizoj, kiuj ion rakontas pri vivo en Norrland, estas verkoj de grekaj kaj romaj verkistoj: Prokopios, Jornandes kaj Tacitus, kiuj fabele rakontis pri popolo loĝanta en „Finnemörk", kiel Norrland tiam estis nomata. Tiuj rakontoj tamen estas malklaraj kaj intermiksitaj kun fantaziplenaj fabeloj.

La lerta monaĥo Adam el Bremen skribis ankoraŭ en la jaro 1060a pri tio: „Tie estas virinviroj, tie estas hundkapuloj, tie estas ankaŭ gigantoj kun nur unu okulo en la mezo de la vizaĝo, kaj tie estas unupieduloj unupiede kurantaj". Malgraŭ sia malklareco, tiuj rakontoj eble priskribis la Samean popolon loĝintan ĉi tie en la Xa jarcento. Estas certe, ke la Sameoj ankoraŭ nun vestiĝas per bestfeloj de la rangiferoj. Ankaŭ en nia epoko estas tre malgranda ĉe ili la diferenco inter la virina kaj la vira vestaĵo, kaj ĉiu ajn scias, ke Sameoj per glitveturiloj vintre glitas super la neĝa tero kun preskaŭ nekredebla rapideco.

En la XIa aŭ la XIIa jarcento certe komenciĝis komercaj rilatoj inter la du profunde malsimilaj popoloj: Svedoj kaj Sameoj. Dum tiu tempo oni ankaŭ komencis la celadon, submeti la Sameojn sub la sveda krono kaj la kristana religio; sed tio estis malfacila laboro; ĉar ankoraŭ en la jaro 1685, okdek jarojn post la konstruo de la unua kristana preĝejo por la kristanigo de la Samea popolo, la Sameoj tamen inklinis adori siajn proprajn diojn. Ili adoris la sunon (samee „Peive"), la lunon (samee „Mane") kaj la fulmotondron (samee „Aijagalles"). Cetere ili havis aliajn pli intimajn diojn: memfaritajn aŭ nur naturŝtonfigurajojn, kaj ili kredis, ke tiuj idoloj (samee „Seites") povas sorĉi. Estis dirate, ke Sameoj iam, dum transado de taga konscio, povis elsendi sian astralkorpon kaj tiel eltrovi iun ajn sekreton de la mondo; sed tia povo de la Sameoj estas nun for, kvankam ĝi eble ankoraŭ kuŝas kiel fabelaĵo super iliaj sentoj.

Multe da drinkado, preskaŭ ĝis plena ruiniĝo, tiatempe estis kutimo kaŭze de la ekskluziva nutriĝado per viando kaj ankaŭ pro la avideco de la tiamaj svedaj komercistoj por rangiferviando, kiun ili pagis al la Sameoj per brando.

Nun tamen la ekonomiaj kaj la kulturaj progresoj instigas la homojn ankaŭ tie ĉi, kaj kvankam ili ne estas konsciaj vegetaranoj, oni povas videble rimarki movadon al pli prudentaj vivkutimoj. Venos pli feliĉa tempo; ĉar ju malpli da sangverŝado des malpli da alkoholdrinkado kaj des pli granda klareco por feliĉigi plej multajn.

K. A. Karlsten.

### Katarakto.

Sportaj kaj fame konataj okulkuracistoj laŭ informo de D-ro Kortsch en Quedlinburg konsilas nuntempe vegetaran dieton al suferantoj. Ili observadis, ke freŝaj legomoj kaj fruktoj malhelpas la progresadon de la katarakto.

### Budho.

Laŭ leginda artikolo pri Budho en la revuo Nova Tempo (Wien VI, Mollardgasse 53) la budhismo proklamas jenan doktrinon: „Nenio estas eterna; la tuta universo forpasadas. Nenio estas, ĉio fariĝadas. Kaj ĉio, kion vi de via memo vidas korpe aŭ spirite, forpasos kiel ĉio alia. Nenio restos krom la amasigita

rezultato de ĉiuj viaj agoj, vortoj kaj pensoj. Tial estu puraj kaj bonemaj kaj ne maldiligentaj en la pensado. Estu maldormaj, forskuu viajn trompiĝojn kaj ekpaŝu decide la v o j o n, kiu kondukas al la ĝojo kaj trankvilo de l'Nirvana, la vojon de l'saĝeco, de la korboneco kaj de l'paco."

Nia kredo estu, ke rajto donas potencon, kaj en tiu ĉi kredo ni kuraĝe faradu nian devon laŭ nia kompreno. Abraham Lincoln.

**Civilizo.**

El la letero „Al la forbuĉataj popoloj" tradukita de Georg Mahn laŭ originalo de Romain Rolland (eldono Berlin-Nikolassee, Tristanstr. 5-7) ni ĉerpas diron de R a b i n d r a n a t h T a g o r e :

La civilizo de Eŭropo estas maŝino por disfrakaso; ĝi ekspluatas la invadatajn popolojn, ĝi ekstermas aŭ neniigas la rasojn, kiuj malhelpas ĝian konkirmarŝadon. Ĝi estas civilizo de kanibaloj, ĝi premegas la malfortulojn kaj riĉigas sin je iliaj kostoj. Ĝi dissemas ĉien ĵaluzon kaj malamon, ĝi etendas antaŭ si malplenon. Ĝi estas civilizo scienca, ne humana. Sian potencon ĝi akiras, koncentrante ĉiujn siajn fortojn por la ununura celo: sin riĉigi. En la nomo de patriotismo ĝi rompas la donitan parolon, etendas senhonte siajn de mensogoj teksitajn retojn, starigas gigantajn, monstrajn idolojn en la temploj konstruitaj al la-Gajno, la sola dio, kiun ĝi adoras. Senhezite ni profetas, ke tio ne daŭros eterne.

Parolado de la 18. VI. 1916 en Tokjo.

**Diversaĵoj.**

F i n l a n d o. Okazis en Oulu la norda kongreso de vegetaranoj. La februara numero de la vegetarana gazeto „Terveys" (La Saneco) enhavis artikolon pri Esperanto kaj nia Ligo.

P a s t r o H e y d o r n en Hamburgo (Germanujo), vegetarano kaj eldonanto de „La Unuigita Tuthomaro" (Hamburg 15), pro konsciencokonfliktoj estis eksigata el sia pastra ofico kaj forlasis la ŝtatan religian organizon. Adiaŭante sian predikejon, li diras: „Ĝi estis en Hamburgo tiu ejo, kie konforme al la evangelio dum la milito la angloj kaj la francoj ne estis malamikoj niaj, sed restis niaj fratoj; kie oni preĝis nek pro venko nek pro malvenko, kaj kie sub la sonoj de la orgeno la dia amo kaj saĝo levis nin el la konfuzoj de la tagoj en siajn sferojn".

H i s p a n u j o : La revuo „Eugenia", eŭgenika propagandilo sur la bazo de naturismo kaj vegetarismo, en lingvoj hispana kaj kataluna, favoras Esperanton kaj parte uzas ĝin. Adreso Pasaje Santa Eulalia 5, Barcelono.

V i r i n o j, u n u i g u v i n : M i l i t u k o n t r a ŭ m i l i t o n ! Poŝtkarto eldonita de nia samcelano Prof. Paŭl Christaller, Stuttgart, Neue Weinsteige 61, Germanujo. Po 10 Markoj 3.30, po 100 ℳ 25.30. De sama aŭtoro aperis ĉe eldonejo Wilhelm Violet, Stuttgart: „Esperanto, la gramatiko de D-ro Zamenhof kun komentario", tre instrua helpilo por lernantoj tuŝanta ĉiujn gramatikajn demandojn kaj eĉ la lastajn objektojn de diskutado.

D a n u j o : Vegetarano S.M.Breckwoldt trakuras nun tutan Danujon. Li estas 56jara kaj povas kuri 8 km en 36 minutoj 55 sekundoj. Kiam li estis 30jara, lia sano estis ruinigita; nun li sentas sin juna kaj forta. Tion li atingis vivante per fruktoj, pano kaj akvo. Li estas konvinkita, ke malsano povas esti ekstermata kaj ke eĉ hereda degenerado povas esti haltigata per tiu vivsistemo.

I n t e r n a c i a m o v a d o por f o r i g i m i l i t o n dissendas nun ankaŭ en Esperanto la formulojn subskribotajn, pri kiu ni jam raportis en n-ro 3a. Adreso Brown, London E. C. 4, 23 Bride Lane, Anglujo.

**La koloraro,**
**kiel ĝin sentas blinda muzikisto.**

Eble estus bone rakonti, antaŭ ol trakti la temon de la jena artikolo, la cirkonstancon, kiu altiris al tiu ĉi temo mian atenton. Antaŭ kelke da jaroj mi vizitis koncerton, kiun partoprenis multe da eminentaj artistoj, unu el kiuj estis Ben Davies. Ĉiam mi aŭskultis kun ĝuo tiun faman tenoriston; sed en la citita okazo li faris impreson aparte profundan. Dum li kantis, mi eksentis, ke brilas proksime de mi stranga mistika lumo; mi forte deziris, etendi la fingrojn kaj kapti ĝin. Eĉ dum daŭris tiu deziro, mi tamen plene konsciis la tutan neeblecon plenumi ĝin. Mi bone sciis, ke eĉ la plej malgranda movo igus ĝin malaperi ŝajne, eĉ efektive.

Sciante, ke de mia naskiĝo mi neniam vidis radion de lumo, mi forte miris pri tio, kion mi nun vidis tiom klare, kaj mi pensis, ke ĝi nepre estas la stranga kreitaĵo de mia cerbo. Tiam mia animo spiris la jenajn vortojn: „Kion signifas tiu lumo?" Al tio la animo de la kantanto respondis: „Nun vi vidas nur lumon, ĉar vi estas juna kaj via vidpovo ne estas perfekta; sed se vi fervoros kaj paciencos, viaj okuloj konsciiĝos pri multaj belaj koloroj, kies nomojn vi jam de longe scias".

Tiam finiĝis tiu anima interparolo; sed estis dirite sufiĉe, por decidigi min studi plue tiun objekton kaj lerni ĝiajn diversajn orajn sekretojn. Efektive mi tre fervore studis la sciencon de koloroj kaj trovis ĝin absorbe interesa, kvankam mi devis studi sola, tute ne helpata de tia scienca instruado, kiu estus tiom utila. Tamen sukceso rekompencis min, kaj malgraŭ mia blindeco mi jam povas distingi per muziko diversajn kolorojn, kaj mi esperas, ke per zorga ekzerciĝado kaj koncentrigo mi ankoraŭ plibonigos mian mensan vidpovon.

Kelkan tempon post tiu ĉi epizodo unu membro de psikologia societo, sciante, ke tiu temo min aparte interesas, petis, ke mi verku artikolon traktantan pri kelkaj el miaj rezultatoj k. t. p., por konfirmi kelkajn dirojn de unu el la ĉefaj membroj de tiu societo. Grandan parton de tio, kion mi nun diras, mi prenos el la artikolo, kiun mi tiam verkis; sed mi penos aldoni al tio pluajn ideojn, kiuj rezultis el pli matura scio.

Unue do ni analizu „koloron". Ni scias bone, ke koloro estas rezultaĵo de lumo kaj ke lumo estas rezultaĵo de vibrado. Do vibrado devas gvidi nin tra la lando de koloro kaj doni al ni la scion, kiun ni deziras ricevi.

Sekve ni devas pripensi unue la fizikajn sentojn. Kion ni sentas fizike, tio nepre sentiĝas unue en la cerbo kaj poste komunikiĝas al alia parto de la korpo. Ekzemple, kiam ni havas en la fingroj akutan doloron, la fingroj solaj konscias tiun doloron; sed la sento devenis de la cerbo.

Tiu konsidero facile kondukas al penso pri vidado. Estos bone, ĉe la unua punkto uzi planon, kiu kvankam ne tute scienca tamen helpos nin en nia plua studado. Ni do prezentu al ni, ke la vibradoj estas dividitaj en fakoj, el kiuj ĉiu fako devas plenumi propran taskon: ekzemple unu fako vizitos la okulojn, dua fako vizitos la orelojn k. t. p.

Due ni povas fari al ni demandon, kiu ĉe la nuna punkto estas ekstreme grava, nome: kio estas blindeco? Por nia esploro sufiĉas la respondo: Blindeco estas senpoveco de la retino de l'okulo legi komunikon al ĝi senditan per vibradoj al la cerbo. Respondinte tiun demandon, ni povas formuli alian: Ĉu blindeco malebligas la ricevon de kolorai impresoj? Mia respondo estas forta „Ne!“. Povas esti, ke blindeco en kelkaj okazoj havas tian rezulton; sed ne devas nepre esti en ĉiuj okazoj. Kiel do oni povas ebligi ricevon de tiaj impresoj? Tion oni povas fari laŭ tri diversaj metodoj, kiujn ni pripensos laŭvice.

Unue ni devas memori, ke la naturaj leĝoj, kiuj rilatas lumon, ne multe diferencas de la naturaj leĝoj, kiuj rilatas sonon; ĉar estas tre intima rilato inter etero kaj aero. Do estas eble, laŭ diro de unu psikologo, „aŭdi kolorojn kaj vidi sonojn“. En okazo de blindeco la sonaj vibradoj povas plenumi duoblan taskon kaj porti per la timpano de la orelo impresojn, kiujn la retino de la okulo ne sukcesos ricevi. Ĉe surdulo la metodo estas kontraŭa: en tiu okazo ne la sonaj, sed la lumaj vibradoj funkcias.

Ni pripensu nun la duan metodon. Kiel ni jam diris, ĉiu ricevita fizika sento nepre devenas de la cerbo. Plie ni bone scias, ke la cerbo enhavas multe da ĉeloj, el kiuj ĉiu devas plenumi sian apartan taskon. Tiuj ĉeloj estas diversaj taŭ grandeco kaj graveco; kelkaj havas multon kaj kelkaj malmulton da okupo.

Ni pripensu iom la uzon, kiun oni povas fari el tiuj ĉeloj, kiujn oni ordinare opinias malpli gravaj. Ĉar tiuj ĉeloj ne havas multe da laboro, ili povas helpi la ĉefajn ĉelojn por pli efike plenumi ilian taskon. Ekzemple, unu aŭ eĉ kelkaj el la malgrandaj ĉeloj povas helpi al pli granda ĉelo, por doni al blindulo impreson de koloro entute aŭ de kelke da koloroj individue, impreson, kiun la okulo ne povas doni. Pri la tria metodo ne estas necese, paroli longe: fiziologia ŝanĝo en la cerbo povas alporti rezultojn similajn je la rezulto de ordinara vidado.

El la tri diritaj metodoj la dua estas, laŭ mia opinio, la plej forta, kaj la unua estas la plej malforta; ĉar kiam la koloro sin prezentas, oni konscias en la okuloj senton, kiu apenaŭ povus ekzisti, se sole la sonaj vibradoj fukcius. Traktinte la tri metodojn, per kiuj oni povas ricevi impresojn de koloro, mi transiras al detaloj pli personaj, kiujn mi priskribos laŭeble plej mallonge.

Mi parolos unue pri tiu koloro, kiu havas la plej malrapidajn vibradojn, nome: ruĝo. Ĉi tiun koloron oni vidas plej bone, kiam oni aŭskultas kontralton, precipe, kiam estas kantataj la pli malaltaj notoj (la tiel nomataj „brustaj notoj“). Tiu koloro baldaŭ lacigas, kaj oni ricevas kun granda plezuro koloron pli ripozecan. La sento, kiun miaj okuloj ricevas, kiam ruĝo sin prezentas, memorigas min tre forte pri la sento, kiun oni havas, kiam oni troe elmetas sin al varma sunbrilo.

Por ricevi la senton de ruĝo, estas plej bone ludi aŭ kanti en perfekte ligada stilo notojn iom malaltajn; alie la efiko malpliboniĝas, kaj en kelkaj okazoj oni vidas nenian koloron.

La due plej bona koloro por studado estas koloro, kiu havas tre altajn kaj rapidajn vibradojn, nome: la violkoloro. Ĉi tiun koloron mi trovas profunde interesa kaj plezuriga. Ĝi estas propra al la violono kaj al la fortepiano, ankaŭ al sopranaj kaj tenoraj voĉoj. En tre maloftaj okazoj oni povas rimarki ĝin ĉe kontraltaj kantantoj, kiam ili kantas la pli altajn notojn (la tiel nomatajn „kapajn notojn“). Kiam mi rigardas tiun ĉi koloron, mi sentas, kvazaŭ mane tute farita el aero svingiĝus antaŭ miaj okuloj. La movado estas tiom facila, ke ĝi ne lacigas, kiel homa mano lacigus, se oni ĝin svingus tiamaniere.

Por doni per muziko violkoloron, ligada stilo estas malpli necesa; efektive duone punktata maniero de ludado aŭ kantado ofte igas ĝin multe pli facile sentebla.

En la mezaj tonoj de la plimulto da instrumentoj kaj ankaŭ en la soprana voĉo estas troveblaj tri fortaj elementoj de tiu sankta koloro, kiun oni nomas bluo. Ĉe la soprana voĉo tamen troviĝas tro forta enmikso de grizo, escepte, se ni sentas la koloron per du sinsekvaj melodiaj notoj; en tiu okazo la dua noto devas esti ĉiam maĵoran kvarton pli alta ol la unua, por ke la rezultanta koloro estu brila kaj ne doloriga.

Mi ne parolos pri tio, kion mi sentas, kiam bluo sin prezentas al mi, nek montros la manieron, laŭ kiu oni devas prezenti ĝin per muziko; ĉar tio postulus tro da spaco, kaj mi jam diris sufiĉe, por doni al la legantaro klaran ideon pri tio, kion muziko alportas al mi rilate je koloroj.

Mi devas aldoni, ke kiel aro da lumoj kunmiksitaj donas novajn kolorojn, por kiuj ni ne havas nomojn, tiel same certaj harmonioj donas karakterizajn nuancojn, kiuj havas mistikan belecon. Oni nomas ilin eteraj, astraj, emociaj, mensaj aŭ spiritaj koloroj, kaj ofte ili estas fonto de efektiva ekstazo al tiuj, kiuj longe kaj fervore regalas per ili sian vidon.

Eva Longbottom (dumviva blindulino).
Tradukis William Bailey.

## La Movado por Ĉasta Vivo.

De gesinjoroj C. J. Roskes-Dirksen, van Loostraat 68, Hago (Nederlando), niaj fervoraj samcelanoj, alvenis jena „Deklaro de Principo“ de la M.Ĉ.V.:

La Movado por Ĉasta Vivo havas kiel principon la alceladon al seksa pureco. Ĝi akceptas kiel idealon: personan kaj socian vivon laŭ tiu ĉi normo:

a) La Spirito regu laŭ Racio kaj Konscienco la sentoregatan kaj animan vivon, ne erare priopiniante la normalajn bezonojn de korpo kaj animo.

b) Pluenplantado, ne voluptoĝuo, estas la origina kaj esenca celo de la sekskuniĝo.

c) La homo estas rajtigita je sekskuniĝo nur tiam, kiam ĝi okazas pro amo, en edzeco, laŭ reciproka deziro, kalkuliĝante kun eblaj malutilaj sekvoj por la spirita kaj la korpa bonfarto, de la koncernataj personoj mem kaj de ilia idaro.

Laŭ sia deklaro de principoj la movado helpas al la disvastigado de sia idealo de pureco kaj la kondutado laŭ ĝi, kaj ĝi kontraŭbatalas ĉiujn sociajn

malbonajn statojn kaj malpravajn opiniojn je seksa kampo, kiuj estas kontraŭaj al la de ĝi metita normo. Nome ĝi kontraŭbatalas prostitucion, delogadon sub influo de alkoholo, duoblan moralon, superregon de la viro super la virino en kaj ekster la edzeco, novmaltusianismon kaj la sociajn malbonajn statojn, kiuj kondukas al tiuj ĉi pekoj de la popolo; pornografion per vorto kaj bildo, onanion, heteroseksajn kaj homoseksajn kontraŭnaturaĵojn kaj ĝenerale ĉiujn malĉastaĵojn en paroloj, skriboj kaj faroj. Ĝi alcelas edukadon en vereco, pureco kaj volforteco, plifaciligadon de liberaj ĉastaj interrilatoj inter ambaŭ seksoj, kuracistan esploron antaŭ la edziĝo, plirespektigon de la patrineco kaj la rekonadon de la sankteco de la edzeco. —

En samtempe sendita cirkulero s-ro Roskes skribas: „Mi supozas, ke la ĉastemuloj ĉiuj intencas penadi; ne sanktuloj, sed alcelantoj al pli bona vivo ni estas. Ni rekonas normon por hominda vivo. La konduto kaj pensado de ni ĉiuj individue povas esti mankohavaj; sed la normo restas ekzistanta, kaj ni daŭrigos la alceladon al la idealo, vivi fidele laŭ la normo".

Por eviti disperdon de fortoj, la redaktanto proponis, ke la M. Ĉ. V. elektu la „Vegetaranon" kiel sian oficialan organon kun speciala faketo por siaj komunikoj. La movadoj estas parencaj, kaj mi opinias, ke eĉ ne gravas, se kelkaj el ni eble estas novmaltusanoj aŭ ne konsentus al certaj postuloj, kiel tiu de la kuracista esploro, kiu ja fortigus la hierarkion de interesataj profesiuloj.

~~La M. Ĉ. V. intencas, aranĝi fakkunsidon dum la~~ Praga kongreso.

---

**Libroj kaj Gazetoj.**

La redaktanto petas pardonon, ke pro lia preskaŭ sepsemajna foresto el la hejmo prokrastiĝis la apero de la bulteno kaj la respondo al multaj korespondaĵoj. Iu ne-ano proponis starigi fakon por korespondado. Mi persone opinias, ke ekzistas sufiĉe da Esp. revuoj, kiuj perumas dezirojn de kolektantoj kaj ke nia bulteneto povas servi al tiu celo nur en esceptaj okazoj, en kiuj temas pri nia speciala celado.

La Struvelpetro, beletaj rakontoj kun komikaj bildoj. Eldonejo Rütten & Loening, Frankfurt a. M. (Germanujo); prezo ℳ 18.—. Bildolibro por infanoj kun originalaj ilustraĵoj de la tre fame konata germana eldono. La ridigaj versoj estas lerte tradukitaj de J. D. Applebaum, Liverpool, kaj la tuta eldono estas agrabla pliriĉigo de la Esperantaj aperaĵoj.

Esperanto, ĝia gramatiko kun komentario, de Prof. P. Christaller, eldonejo Wilhelm Violet, Stuttgart. Vidu sub „Diversaĵoj" en tiu ĉi numero.

Protokolo de la Dekdua Universala Kongreso de Esperanto en Hago, prezo 3 f. frankoj. Parizo, Esperantista Centra Oficejo, 51 rue de Clichy.

Diversflankaj presaĵoj pri landnomoj: La redaktanto bedaŭras la bruon faratan pri tiu demando. La ĝenerala uzado decidos pri la afero. Por ni Esperanto estas ne lingva afero, sed afero de l'koro kaj de la praktika apliko. Ĝi estas bona tia, kia ĝi estas, kaj ni uzos la tradiciajn landnomojn atendante, ke estos eldonata laŭeble plej baldaŭ kompleta listo enhavanta ankaŭ la nomojn de la novaj ŝtatoj.

Fundamenta Gramatiko de Esperanto de D-ro P. C. Monti; eldonejo Via Rossari 2, Milano (Italujo) ĉe la sidejo de Itala Katedro de Esperanto.

Amerika Esperantisto (Novjorko), La Laborista Esperantisto (Hannover), Brazila Esperantisto (Rio de Janeiro), Ĉeĥoslovaka Gazeto (Praha), Esperanta Finlando (Helsinki), La Esperantisto (Vieno), Esperanto (Ĝenevo), L'Esperanto (San Vito, Italujo), Esperanto-Praktiko (Berlino), Esperanto Triumfonta (Köln), La Espero (Stockholm), Franca Esperantisto (Parizo), Germana Esperantisto, Hispana Esperantisto, Itala Esperantisto, Kataluna Esperantisto, Kristana Espero (Laihia, Finlando), Lingvo Internacia (Parizo), Literaturo, La Marto, Le Monde Espérantiste, Nova Tempo (Vieno), Oficiala Gazeto Esperantista, La Revuo Orienta (Tokjo, Japanujo), La Unuigita Tuthomaro, La Verda Ombro (Formosa, Jap.), Verda Utopio (Osaka, Jap.).

Sepdek jaroj inter Sovaĝuloj, de Henry S. Salt, eldonejo George Allen k. Unwin, London W. C. 1. Prezo ŝil. 12, 6 p. Biografio de la konata vegetarano Salt, el kiu partoj estas tre tradukindaj. Precipe la ĉapitro, en kiu li klarigas la titolon (la sovaĝuloj estas la ordinaraj eŭropanoj), estas bonege verkita.

Vivreformaj revuoj k. t. p.: Acción Naturista, Madrid, Calle de Fuencarral 138, II. Eugenia, Barcelona. Il Messaggero della Salute (itallingva), Chicago, Illinois, Halsted Street 515, Usono. Naturismo, Travesera 117 1, Barcelona. Vegetarianen (Stockholm). Vortrupp, Hamburg (raportas pri nia Ligo kaj Esperanto ĝenerale). Bulgara Veg. Revuo. The Starry Cross. Poziv (Alvoko), Pleven, Bulgarujo.

Pri precizaj adresoj la redaktanto informos la anojn, se ili petos sciigon.

---

**La Unua Jaro**

post la reviviĝo de nia vegetara movado inter la Esperantistoj nun finiĝis. La unua vorto de la raportanto devas esti: „Dankon!" Al ĉiuj helpintoj kaj simpatiaj gekorespondantoj mi diras sinceran dankon pro ilia kuraĝigo kaj materia helpo. La laboro ne restis sensukcesa; la anaro ĉiam kreskis, kaj la demandoj de novaj interesuloj estis tiom multnombraj, ke nun jam elĉerpiĝis ĉiuj tri numeroj de tiu ĉi jaro 1920-21.

La kaso, praktika mezurilo de nia sukceso, montras kontentigan resteton por la nova societa jaro. Sed tiu rezulto ne sekvas el la kotizoj, sed ĉefe el la sindonema oferemo de certaj samcelanoj speciale fervoraj. Mi esperas, ke ankaŭ en la nova jaro ne mankos ilia necesa apogo. La kotizoj, speciale en la valutsuferantaj landoj, tute ne korespondas al la kostoj. Tamen mi esperas, ke la samcelanoj konsentos, ke ankaŭ plue ni donu nian bultenon al la samideanoj en valutsuferantaj landoj por prezoj sub la kosto. Ni ja ne estas komerca entrepreno; sed ni volas porti nian ideon pri konsekvenca etiko unuflanke kaj nian Esperanton aliflanke en akceptemajn korojn. Nia afero certe estas pli multe afero de koro, ol afero de teoria spekulado, kvankam al ni ne mankas nerenverseblaj faktoj kaj teorioj por nia propagando.

La „Vegetarano" estis presata en 400 ekzempleroj; sed tiu ĉi numero jam eldoniĝos en 500

ekzempleroj, kvankam la nombro de anoj estas nur proksimume 120. Ĉar ni ne havas aliajn novajn propagandilojn kaj devas montri al la mondo nian postmilitan reviviĝon, la bulteno devis servi kiel propagandilo kaj samtempe kiel interligilo por ni ĉiuj. La ekzempleroj dissenditaj al Esperantaj gazetoj certe ne estas perdita kapitalo, kaj ankaŭ la aliaj disdonitaj bultenoj supozeble falis plejgrandparte en fruktodonan teron. Pri la enhavo mi devas repeti la samideanojn, riĉigi ĝin, kompreneble en la limoj de nia speciala agadkampo. La kaso rilatas preskaŭ ekskluzive al nia bulteno; ĝi prezentas jenan bildon:

| | | |
|---|---|---|
| Enspezoj per kotizoj kaj donacoj . . . | | ℳ 3870.75 |
| pres-elspezoj por 1 alvoko kaj 3 bultenoj | ℳ 2220.— | |
| poŝtspezoj . . . . . . . . | „ 206.— | |
| ĝeneralaj spezoj . . . . . . | „ 297.50 | |
| sumo de la elspezoj . . . . . . . . . | | „ 2723.50 |
| havaĵo en la kaso . . . . . . . . . | | ℳ 1147.25 |
| havo ĉe naciaj sekretarioj kaj en neŝanĝitaj fremdaj biletoj, proksimume | | „ 182.75 |
| suma havo de la Ligo . . . . . . | | ℳ 1330.— |
| supozeblaj spezoj por tiu ĉi numero . . | | „ 930.— |
| havo por komenci la novan societan jaron | | ℳ 400.— |

La poŝtspezoj enhavas nur la afrankon de la bultenoj kaj propagandiloj; la afrankon de leteroj kaj poŝtkartoj por korespondado kun anoj kaj naciaj sekretarioj la sekretario-kasisto ĝis nun el propra poŝo pagis.

Por kompensi la poŝtajn kaj aliajn spezojn de la naciaj sekretarioj, la Ligo permesis al ili, deteni de la enkasigataj kotizaĵoj 10 pc., kaj ĝis nun du n. s. profitis tiun rajton. La sistemo de naciaj sekretarioj ĝis nun rezultiĝis tre oportuna, kvankam kelkaj el la n. s. bedaŭrinde nur tre malofte raportas.

Eble ni povos dum la nova societa jaro (oktobro 1921 ĝis septembro 1922) ree presigi la propagandajn poŝtkartojn. Mi petas la gesamideanojn, ke ili sendu taŭgajn eldirojn, se ili scias, por pliriĉigi la enhavon. Pli ofta apero de la bulteno ol trimonata ŝajnas momente ne konsilinda pro tio, ke la dissendkostoj senproporcie plialtiĝus kaj ke mi ne havus sufiĉe da tempo, por fari la redaktan kaj ekspedan laboron tiom ofte. Kompense, ni povus eble pligrandigi la bultenon; sed estas dezirinde, ke multaj kunlaboru, sendante taŭgajn manuskriptojn.

Mi petas, ke la samcelanoj restu fidelaj al nia Ligo, propagandante niajn ideojn kaj subtenante ĝin laŭpove ankaŭ mone. Krome mi esperas, ke per artikoloj en la bulteno kaj per interkorespondado ni ĉiuj interkonatiĝos kaj fariĝu intima samcelantaro, kiu subtenos kaj pliprofundigados la delikatajn sentojn, kiuj estas funda instigilo por Esperanto same kiel por Vegetarismo. La redaktanto.

## Malnova Regularo de V. L. E. (1908).

N o m o. La nomo de la unuiĝo estas „Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj" (nun: „Vegetara Ligo Esperantista).

C e l o. La celo de la unuiĝo estas igi la apartajn Esperantajn vegetaranojn unu forta amaso, ĉiam en kontakto unu kun la alia, dank' al internacia helplingvo,

1. propagandi Esperanton inter la vegetaranoj,
2. propagandi vegetarismon per la Esperantistoj,
3. helpi aŭ havigi helpon al ĉiuj Esperantlingvaj vegetaranoj.

La I. U. E. V. (nun: V. L. E.) prenos sur sin, senpage, la tradukon de propagandiloj de naciaj vegetaraj societoj, eldonos tuj kiam eble proprajn foliojn aŭ broŝurojn en Esperanto pri vegetarismo.

Por alporti profiton al la samideanoj vojaĝantaj, la unuiĝo eldonos tuj, kiam ĝiaj monrimedoj tion permesos, Internacian Jarlibron enhavantan la adresojn:

1. de ĉiuj Esperantaj vegetaranoj, anoj de la unuiĝo,
2. de ĉiuj vegetaraj restoracioj, sanatorioj k. t. p. en plej multaj landoj (tiuj, en kiuj oni parolas Esperante, speciale signitaj)

kaj kelkajn artikolojn por la propagando.

A n i ĝ o. La unuiĝo konsistas el regulaj, neregulaj, subtenantaj kaj honoraj anoj.

Regula ano povas fariĝi ĉiu posedanta certan konon de Esperanto kaj sekvanta regule la principojn de vegetarismo. Minimuma kotizaĵo po jaro 1 sm. Neregula ano povas fariĝi ĉiu persono ne scianta Esperanton aŭ vivanta nur okaze vegetare. Minimuma kotizo jare sm. 1.500. Subtenanta ano povas fariĝi ĉiu Esperantisto donanta minimuman kotizaĵon de sm. 5.—. Honora ano povas esti nomata Esperantisto, kiu, vivante vegetare, alportis grandan utilon al la vegetara afero, laŭ decido de la ĝenerala kunsido.

S i d e j o. La sidejo ne estas fiksa. Provizore ĝi estas ĉe la sekretario en Hamburgo (René de Ladevèze). Ĝi povas esti ŝanĝata per decido de la ĝenerala kunsido.

E s t r a r o. La estraro konsistas el 1 prezidanto, 1 vicprezidanto, 1 sekretario-kasisto, ĉiuj el diversaj nacioj se eble.

Ĝ e n e r a l a K u n s i d o. La ĝenerala kunsido okazos ĉiujare dum la Internacia Kongreso de Esperanto; ĝiaj decidoj estos poste diskonigataj al ĉiuj anoj kaj valoras nur post tri monatoj, se opa protesto ne okazis.

N e g o c a J a r o. La negoca jaro komenciĝas de unu oficiala internacia kongreso de Esperanto kaj daŭras ĝis la proksimjara kongreso de Esperanto. La kotizaĵoj devos esti pagataj tri monatojn antaŭ la ĝenerala kunsido.

Piednoto: Ni rekomendas al niaj amikoj la du bonegajn artikolojn en la Fundamenta Krestomatio: „Kio estas vegetarismo" (paĝo 187a) kaj „Hejmo de metiisto" (paĝo 108a). —

En la praktiko, parte, kaj parte per la lastkongresaj decidoj tiu regularo suferis jam grandajn ŝanĝojn. La praktikaj ŝanĝoj rilatas la kotizon, kiu estas fiksita ĝisplue laŭ la tabelo je la kapo de l'bulteno, kaj la negocan jaron, kiu kuras de la de oktobro (post la universala kongreso de Esperanto) ĝis la 30a de septembro.

La sidejo ne povas esti fiksa; al la redaktanto ŝajnas, ke ĝi devas esti en la sama loko, kie la bulteno estas redaktata. Krom tio redaktanto kaj sekretario-kasisto devus esti aŭ unu persono aŭ du personoj loĝantaj en unu loko por facila interparolado.

La ideaj ŝanĝoj rilatas la celon kaj la distingon inter la diversaj specoj de anoj. Nuntempe ni ne

faras diferencon inter anoj kaj abonantoj. Kiam la malnova regularo estis skribata, ne ekzistis ankoraŭ la ideo pri memstara bulteno. Ŝajnas al la redaktanto, ke ni ne faru diferencon el aferoj, pri kiuj ni tute ne havas kontrolon. Nia bulteno jam parolas sufiĉe klare al la konscienco de la legantoj, por ke ĉiu konu sian konsciencan devon. Pri tiu ĉi punkto vidu ankaŭ la kasraporton. Honora membro ĝis nun estis nur Tolstoj.

La celo de V. L. E. estas bone difinita; sed jam la ekzisto de propra organo kaj la spertoj de la pasintaj jaroj kaŭzas, ke nia programo devas esti pli vasta, ampleksante la t u t a n e t i k a n movadon parencan kun la vegetarismo. Disvastigante konon pri sana arto, speciale sana literaturo, pliakrigante la senton de persona respondeco de ĉiu individuo, ni ne povas limiĝi al la prikorpa demando de l'vegetarismo, sed jam nature etendas nian agadon al la homaranaj kaj mondpacaj celadoj, al la „interna ideo“ de Esperanto kaj vegetarismo samtempe. Precize sur tiu kampo la Zamenhofa geniaĵo donas al ni la eblecon, fari ion pli grandiozan, ol la simplaj naciaj vegetaraj societoj kaj revuoj povas fari. O. B.

---

Jen opiniesprimo tre bonvena de samcelano Janko Todorov, kiu en Bulgarujo tiom fervorege kaj sukcese laboris por nia Ligo kaj ankaŭ en la nacia bulgara vegetara revuo, kiun li redaktas, apogis nian Esperantisman ideon:

Mi tute aprobas la tendencon kaj spiriton de la bulteno, kiuj konsistas el alta etika idearo enhavanta celon kaj samtempe bazon de la homa pensado kaj agado. La plej perfekta amo inter homoj kaj ĝenerale inter ĉiuj vivantaj estaĵoj: jen estas la celo. Subkomprenata vegetarismo, rifuzo de viandmanĝado kaj de alkohola trinkado: jen estas la bazo.

Mia ĉefa ideo tamen, kiun mi volas substreki tie ĉi, estas la i n t e r n a c i a r o l o, kiun povus kaj devus havi nia bulteno. Ni ne devas konsideri nin izolita grupeto sin nomanta Esperantistoj-vegetaranoj, sed ni devas paroli, insisti, altrudi: altrudi Esperanton kiel internacian ligilon de ĉiuj vegetaranoj kaj prezenti la jam eldonatan bultenon kiel oficialan organon de la vegetara internacieco.

Internacia vegetara unuiĝo ekzistis antaŭ la milito; sed nuntempe, laŭ mia scio, ĝi ne ekzistas (rimarko de la redaktanto: mi nun turniĝas al gvidantoj de tiu asocio); ni devas do montri nian Ligon kiel t i a n i n t e r n a c i a n v e g e t a r a n a n u n u i ĝ o n.

Kial? Tial, ke la nuna vegetara movado jam atingis internacian karakteron kaj ĉar nur unu lingvo — internacia lingvo — povas forigi la lingvajn malhelpojn en la internacia laboro de vegetaranoj. Jen tiun fundamentan penson mi esprimis en mia artikolo pri internacieco de vegetarismo; jen laŭ mi la rolo, kiun devas elludi nia Ligo. Al ni restas propagando kaj laboro.

Kvankam la V. L. E. havas nur proksimume 120 membrojn, tiu ĉi nombro, ĉar inter ili ekzistas homoj en Japanujo, Svedujo, Norvegujo k. c. el diversaj nacioj, estas multe pli grava ol milo da anoj en nacia societo. Estas evidente, ke ne japana, angla, franca aŭ alia nacia lingvo, sed nur Esperanto povas alproksimigi la ĉiulandajn vegetaranojn en ilia ideala laborado. —

---

**Kvitanco**

pri ricevitaj kotizoj kaj donacoj por V. L. E.: En germ. markoj: Remers, Hiekel, West, Streer po 15.—, Joó, Juhász kaj Szabó kune 25.—, Trimp 4.85, Unuiĝo de Vegetaranoj Esperantistoj en Bulgarujo 100.—, Anofrijev 5.25, Arcioni 32.50, Baird 20.—, Lahuerta 43.50, Ullar 34.45; Pärnänen Fm. 12.—, Tähtinen Fm. 1.—, Wisinger ĉkr. 22.—, Schröder dkr. 3.50, Dana Vegetarana Unuiĝo dkr. 10.—, Jeffery ŝ. 4.—, Parker ŝ. 2.—, Drezen ℳ 25.—, Sakarias ℳ 15.—.

Koran bonvenon al la novaj anoj kaj helpantoj! Speciale laŭdinda estas la donaco de la Dana Vegetarana Unuiĝo.

---

La represo de niaj artikoloj estas permesata; sed oni citu la „Vegetaranon“ kiel fonton.

---

B u l g a r u j o. Fondiĝis en Sofio, adreso ul. 6. septemvri 1, Unuiĝo de Vegetaranoj Esperantistoj en Bulgarujo, kies celo estas:

1. unuigi ĉiujn vegetaranojn - Esperantistojn en Bulgarujo,
2. disvastigi Esperanton inter la vegetaranoj,
3. per Esperanto propagandi la ideon de vegetarismo.

La unuiĝo konsideras sin grupo de nia V. L. E., kaj ĉiu membro ĝia devas aboni la „Vegetaranon“. Prezidanto estas s-ano Kiro Georgiev, sekretario-kasisto s-ano Dimitr Simeonov.

La unuiĝo laboradas en amika kontakto kun la nacia vegetara asocio. La membra kotizo estas 20 levoj. Sekve de tiu aranĝo la aferoj de V. L. E. en Bulgarujo iros de nun tra la manoj de la sekretario de l'nova unuiĝo (U. V. E. B.).

Ni kore bonvenigas la novan unuiĝon kaj esperas, ke ankaŭ en aliaj landoj baldaŭ tia fervora laboro naskos similajn aranĝojn. Senĉese kreskas la aro da paebatalantoj, kiuj ekkonas la interligitecon de nia idearo vegetara kaj Esperanta. La nova unuiĝo esprimas en sia regularo, ke ĝi konsideras la V. L. E. 'n kiel rimedon por altigi la homaron sur la vojo de perfektiĝo kaj ke la vegetarismo kaj la Esperantismo estas la u n u a ŝ t u p o al tiu perfektiĝo.

S v e d u j o : La skandinavaj vegetaranoj (Svedujo, Norvegujo, Danujo kaj Finlando) fondis korespondadan unuiĝon, kiu uzos la kvar naciajn lingvojn kaj Esperanton. Adreso: A. L-son Antee, Sysslebäck, Svedujo.

---

L a U n u a Ŝ t u p o, tiu leginda verketo de Tolstoj, jam aperis en la Esperanta Tolstoj-biblioteko aranĝita de Kabanov kaj eldonita de „Posrednik“ (La Peranto) en Moskvo. Tradukis ĝin nia samcelanino Anna Ŝarapova.

**Kongreso de Nordlandaj Vegetaranoj.**

Dank' al la zorgaj klopodoj de s-no Anna Kurimo tiu konkreso, kiu okazis en la infanejo de la urbo Oulu (Uleåborg) estis tre kontentiga. La plej multaj paroladoj estis faritaj en fina lingvo kaj tradukataj sveden. Arkitekto Albert Agrelius el Helsinki gvidis la kunsidojn. El la paroladoj estas speciale citinda tiu de pastro A. U. Airila pri „La ideala signifo de la vegetarismo“. Oni prenis interalie decidon por speciala laboro kontraŭ la vakcinado. Verŝajne

krom la nuna finlingva „Terveys“ (Saneco) estos eldonata svedlingva finlanda revuo vegetarana.

Laŭ „Vegetariamen“.

**Kongreso de Bulgaraj Vegetaranoj.**

La 14an, 15an kaj 16an de aŭgusto okazos en Trnovo la kongreso de bulgaraj vegetaranoj. Ĝi enhavos unu demonstracian kaj unu organizan parton. La salutan paroladon faros pastro Gr. Arnaudov. Prezidos la kunsidojn D-ro D. T. Kacarov; sekretario Iv. Kojumĝiev, kiu estas ankaŭ ano de V. L. E., donos la jaran raporton.

Okazos paroladoj: de pastro Arnaudov pri „Vegetarismo el religia kaj morala vidpunktoj“, de Jor. Kovaĉev pri „Vegetarismo kaj vegetaranoj“, de D-ro Asen Zlatarev pri „Sciencaj argumentoj pri vegetarismo“, de Hr. Vrgov pri „La religio kaj la socia vivo“, de nia ano St. Lepavcov pri „Nutra reformo aŭ vivreformo“ kaj fine de nia fervora kunlaboranto Janko Todorov pri „Vegetarismo kaj Esperantismo“. Tiun ĉi paroladon sekvos rezolucio, kies akcepton oni rekomendos.

Samtempe kaj samloke okazos en Trnovo la kongreso de la Vegetaranoj-Esperantistoj en Bulgarujo, kie oni interalie fiksos la regularon por la nova jam citita en tiu ĉi bulteno societo.

En Pleven okazis la 10an de julio kongreseto de la Bulgara Kontraŭalkohola Societo. La Bulgara Vegetarana Societo sendis tien delegiton. Laŭ „Pregled“.

El Simbirsk en Rusujo la redaktanto jus ricevis la sekvantan artikoleton:

**EL VIVO.**

Unufoje venis al mi unu konatulo-vegetarano. Ni multe parolis pri vegetarismo. Li estas tre severa vegetarano, ne sole ne manĝanta viandon, sed ankaŭ ovojn kaj lakton. Mi demandis lin, kial li ne trinkas lakton. „Ĝenerale ni vivas ne normale.“ Russeau diris. „La Kreinto kreis ĉion perfekte, sed ĉio difektiĝas per manoj de l'homo.“ Tio estas vera ankaŭ rilate je bestoj. La homo malsovaĝigis multajn bestojn. Tio estas bona. Frue aŭ malfrue ĉiuj homoj kaj ĉiuj bestoj estos vivantaj pace kaj ame. Sed la homo bedaŭrinde difektas la bestojn pro siaj profitoj. Ĉu estas normale, ke la bovino donas tiom da lakto? Ĉu la homo amas la bovinojn, kiel li devas ami ĉiujn vivaĵojn? Ne, li amas la lakton. La bovino por li estas nur la maŝino, fabrikanta la lakton. Kaj li konsideras ĝin laŭ kvanto da lakto, kiun ĝi fabrikas. Li taksas tiamaniere la bovinojn. Li vendas kaj aĉetas vivajn laktmaŝinojn. Kaj li forgesas, ke la bovino povas havi normalan vivon. Li kripligas per sia ekspluatado malfeliĉajn bestojn. La bovido devas uzi la lakton; krom ĝi neniu havas tiun rajton. Kaj estas ridinde, ke aĝa homo trinkas la lakton de bestoj; kial do li ne havas ĝis sia morto nutristinon aŭ ne suĉas sian panjon? Ne, mi ne volas esti dum la tuta vivo suĉanta infano kaj forrabi la lakton de malgrandaj bovidetoj. Tio estas krimo kaj kripleco“.

Post kelkaj tagoj mi renkontis unu fraŭlinon. Ŝi rakontis pri sia familio kaj multe parolis pri hejma mastrumado . .

„Ni havas bovinon; ŝi donas multe da lakto; ni melkas ŝin matene, tage kaj vespere. Nia familio konsistas el dek personoj; kaj ĉiuj estas sataj per ŝia lakto. Sed antaŭ nelonge ŝi naskis bovidon; kaj la bovido kreskas kaj manĝas tro multe da lakto. Nun por ni mem jam ne sufiĉas. Kion fari? Ĉu ni aĉetis por tio la bovinon, ke ŝi nutru sian bovidaĉon? La bovido forrabas nin. Mi diras ĝuste, — honesta vorto! Kaj jen ni decidis esti sataj. Pro tio ni morgaŭ buĉos la bovidon kaj formanĝos ĝin! Tiamaniere ni estos havantaj la viandon kaj la tutan lakton!“ Kaj efektive ili buĉis la bovidon kaj formanĝis ĝin.

Mi rakontis pri tio al mia konatulo. Li levis la ŝultrojn. Nu kio do. Ĉi tio estas komprenebla. La tuta nia civilizo estas konstruita sur la kadavroj, mortigitaj homoj kaj bestoj. Kaj la scienco celas pravigi ĉion. Vidu: kleruloj kredas socian revolucion. Sed kiamaniere fari revolucion sen mortigoj? En niaj lernejoj oni instruas ĉion, escepte amon al bestoj. Eĉ kiam instruas socialistoj, ili diras ke senmorale estas vendi kaj aĉeti teron aŭ aeron — senanimajn objektojn —, sed neniam diros, ke estas krime vendi vivajn estaĵojn. Ĉu estas eble kiel propraĵon havi fremdan vivon? Via fraŭlino estas, videble, klera persono. Ŝi scias, ke homo estas la reĝo de l'naturo, ke la bestoj estas kreitaj por li, kaj estonte ĉiuj homoj sur la kadavroj de siaj fratoj estos feliĉaj. Ja tion postulas la leĝo de ekonomia neceseco.

Parolante tiamaniere ni altabliĝis.

Apud ni sidis loĝanta en nia domo idea homo. Li amas multe paroli pri anarĥiismo, revolucio, teozofio, moralo, k. t. p. Mia konatulo komencis komunan konversacion. Li propagandis vegetarismon. Idea homo aŭskultis liajn argumentojn, ĉirkaŭmordetante ostojn de kokido. — Mi ne scias, — li diris, — kial do ni ne devas mortigi. Ja ni ne povas mortigi la animon, sed ni mortigas nur la korpon, kaj la animo denove enkorpiĝos. Mi aĉetis kokinon kun kokidoj kaj laŭgrade mi formanĝos ilin. Ĉu vi opinias, ke mi formanĝos iliajn animojn? Ne, mi formanĝos nur iliajn korpojn —“.

Mia vegetarano ekrigardis min kaj ĉesis disputi. — „Jen, li diris poste, ĉu vi vidas kiel oni volas pravigi sin. Ĉi tio estas bona specimeno. Via fraŭlino simple diras, ke ŝi volas manĝi la lakton, kaj tiu ĉi sinjoro parolas pri mortigo, penante per mistikaj argumentoj pruvi, ke ne estas senmorale manĝi viandon. Li jam sentas la riproĉojn de konscienco kaj li bezonas mempravigadon. Li diras absurdon, — ne grave estas; ĉefe estas, ke li sentas sin kulpa. Kaj la absurdoj de nia kontraŭulo estas bona simptomo. Ne estas bezone disputi. Nur faru kion postulas la devo —“.

S i m b i r s k, la 31/VI-21. A. G . . ĉ.

Vegetara Hotelo Pomona, Molenstraat 53, Hago (Nederlando), ampleksa gastejo kun ĉiuj modernaj instaloj por komforto.

La Ligo Interpopola Aŭstruja en Vieno I, Burgring 9, petas monhelpon el bonvalutaj landoj por la edukado de infanoj. La aŭstra mono malaltiĝis al malpli ol centono de la normala valoro, kaj tiel la prezoj por aŭstroj altiĝis al pli ol centoblo.

La numeroj 1 ĝis 3 de tiu ĉi jaro, de la „VEGETARANO“, estas elĉerpitaj kaj ne plu haveblaj. Kiu havas troan ekzempleron de ili, bonvolu ĝin sendi al la redaktejo.